# La Amsterdama Katedro



© Francisco Veuthey 2013

## Transiro de la taskoj finiĝas

*En ĉi-tiu unua numero kompilita de mi la ĉefa celo estas informi pri la sekvaj eventoj: unue, la transiro de la taskoj de la antaŭulo Wim* JANSEN *al la kompilanto (ekde Apr 2013); due, la ekstarigo de UEA kiel sponsoro de la Amsterdama Katedro (ekde Nov 2013) kaj laste sed ne malgrave la akcepto de mia kandidateco flanke de Universitato de Amsterdamo (Okt–Dec 2013) kaj mia aktivigo en la Universitaton mem (Jan 2014). Sekvas la priskribo de la agadoj faritaj ĉe la Universitato je didaktika, esplora kaj informada niveloj dum la transira periodo (Apr 2013–Jan 2014). Aparta atento estas donata al la planoj pri la unua kurso donota en Feb–Apr 2014. Foto, maldekstre: la momento de la subskribo de la kontrakto inter la kompilanto (malantaŭe) kaj UEA, fare de Osmo* BULLER *(ĉetable) kaj Nikola* RAŠIĆ *(surtable), dum la 39-a Malferma Tago.*

## Kiel mi alvenis la katedron

de F. GOBBO

JE LA FINO DE 2012 oni publikigis la anoncon pri la malfermita posteno ĉe Universitato de Amsterdamo (UdA) en pluraj lokoj, kiel jam raportite en antaŭaj n-roj de ĉi-tiu bulteno. En Jan 2012 oni kolektis ĉiujn respondojn, inkluzive la mian. Poste mi estis vokita ĉe UdA por intervjuo (11 Apr 2013), kie ĉeestis d-roj Hans ERASMUS kaj Nikola RAŠIĆ flanke de UEA, dum flanke de UdA intervjuis OProf Kees HENGEVELD[1] kaj AProf Arjen VERSLOOT[2]. Ili kune formas la kuratoraron de la katedro. Krome, s-ro Dick VAN DER VAART plenumis la administrajn partojn. La tagon poste mi legis retleteron de Hans ERASMUS, kiu informis min, ke mi iĝis la fina kandidato. Do, ekde 12 Apr 2013 komenciĝis la transira periodo. Fakte, jam dum la intervjuo antaŭvideblis, ke la transira periodo daŭros la unuan semestron de la akademia jaro 2013-4 (Sep 2013–Jan 2014) . En tiu periodo estis Wim JANSEN – laŭ sia kontrakto, la katedrulo ĝis komenco de Nov 2013 – kiu instruis la Esperantan parton de la kurso, por eviti hiaton kiu povus malkuraĝigi la studentojn elekti la nedevigan kurson. Krom tiu, la transira periodo okazis esence pro aliaj du kialoj. Unue, mi devis finlabori mian postdoktoran kontrakton ĉe la Universitato de La-Aglo (itale: *L'Aquila*), kiu ĉesis la lastan tagon de Sep 2013; krome, tiel mi povas doni la kurson pri planlingvistiko ĉe la Universitato de Torino.[3] Due, estis kelkaj administraciaj ŝanĝiĝoj rilate al la

[1] Lingvisto, kerna figuro de Funkcia Diskurs-Gramatiko. Profesia retejo: http://www.keeshengeveld.nl.

[2] Germanistika dialektologo kaj grava membro de la Frisa Akademio.

[3] La kurso en Torino estas simila al la Amsterdama sed pli malgranda. Ĝin sponsoras la Itala Esperanto-Instituto (IIE) kune kun la helpo de la interlingvistika fonduso ĉe *Esperantic Studies Foundation* (ESF) kaj de Itala Esperanto-Federacio (IEF). Notindas, ke la Amsterdama Katedro postulas 20% de la tutjara labortempo laŭ la originala anonco kaj la kontrakto, dum la Torina postulas nur 10%. Oficiala retpaĝo de la kurso: http://linguistica.campusnet.unito.it/do/corsi.pl/Show?_id=xn6g.

Amsterdama Katedro kiu postulis iom da tempo por esti plenumitaj. Jen la ĉefaj eventoj.

## Eventoj de la transiro

de F. Gobbo

La unua oficiala evento okazis kiam la Dekano de la Fakultato de Humanistiko, OProf[4] Frank van Vree, informis min per retmesaĝo pri la akcepto de mia kandidateco al la nomumo kiel katedrulo fare de la Estraro de UdA (7 Okt 2013).

Multaj eventoj okazis en Nov 2013. Fakte, en tiu monato la sponsora rolo de la Amsterdama Katedro transpasis el Internacia Esperanto-Instituto (IEI) al UEA. En la sama monato UEA pretigis Esperantlingvan malneton de la kontrakto, tiel, ke mi povu atente legi antaŭ ol subskribi dum la Malferma Tago ĉe la CO de UEA en Roterdamo, kiam mi estis invitita por du prelegoj (30 Nov 2013). Intertempe, la kursenhavo pri la interlingvistika parto estis preparita kaj sendita al la taŭgaj homoj ĉe la Fakultato pri Humanistiko (5 Nov 2013). Post la aprobo de AProf Paul Boersma, respondeculo pri la didaktiko de lingvosciencoj, ĝi videbliĝis al la studentoj ĉe la enhav-mastruma sistemo *Studiegids* kelkajn tagojn poste.[5] La studentoj povis do tralegi la priskribon de la interlingvistika kurso (detalojn sube) antaŭ la subskribo de la kontrakto, kaj pro tio la nomo de la instruisto ne estis indikita – studentoj ordinare ne surpriziĝas pro tiuj malglataĵoj. Estis interkonsentite kun OProf Hengeveld kaj AProf Boersma, ke la lecionaro okazu je la komenco de la dua semestro (Feb–Mar 2014). Dum tiu periodo, mi loĝos plimalpli plentempe en Amsterdamo ĉe gastodomo kiun mi trovis per interreto je la fino de 2013.[6]

En Dec 2013 la oficejo pri personalo de la UdA publikigis la anoncojn pri la baldaŭ nova katedrulo nederlanda- kaj anglalingve (reproduktitaj sube), sed mi ankoraŭ ne ricevis la ŝlosilojn por kontakti rekte la studentojn, per la enhav-mastruma sistemo *Blackboard*. Por preterpasi ĉitiun problemon, mi sendis memprezentan leteron al la tuta studentaro de Wim Jansen (15 Dec 2013), por certigi ilin pri la duasemestra kurso – la retadreso estis kaŝitaj por privateco. Nur unu studentino respondis, pridemandante la horaron.

La retadreson kaj la ensalutilon por la enhav-mastrumaj sistemoj de UdA mi ricevis sufiĉe malfrue (17 Jan 2014). Post tuiam, mi enmetis la didaktikan materialon en *Blackboard*.[7]

## Agadoj ĉe la Universitato

de F. Gobbo

La kandidato ne ligis sian nomon al la Amsterdama Katedro en 2013, sed ĉiam sin prezentis sub la ĉapeloj de Universitatoj de La-Aglo (ĝis Sep 2013) kaj de Torino (ĝis Dec 2013). En la oficiala *Album Academicum*[8] estas indikitaj kiel datoj: 30 Sep 2013, pri la nomumo; 1 Jan 2014, pri la efektiviĝo de la katedrula pozicio. La motivo malantaŭ la uzo de la nomo en Jan 2014 – unu monato antaŭ la komenco de la dua semestro – estas la sendo de tri esplorproponoj, pri kiuj la katedro estas interesata. La rezultoj efektiviĝos ĉiukaze post Jan 2014.

Notindas, ke jam ekde Apr 2013 kelkaj agadoj estis faritaj por firmigi la situacion kaj pretigi la terenon: ĉiuj agoj priskribotaj ĉi-sube bezonis mian personan tempon kaj monon, **antaŭ** ol la efektiviĝo de la kontrakto.[9] La agadoj povas esti prezentitaj en tri grupoj:

1. *didaktike*, pretigo de la materialoj por la interlingvistikaj kurso en 2014;
2. *esplorade*, proponoj por publikigoj interesaj por la Amsterdama Katedro;
3. *informade*, variaj agadoj kadre de UdA por konigi la katedrulon inter la kolegoj kaj fortigi la pozicion per eksteraj kunlaboroj.

*Didaktike.* La ĉefa laboro dum la transira periodo estis traduki al la angla (lingvo uzota por instrui interlingvistikon en Amsterdamo) kaj adapti al la nova kunteksto la materialon jam uzitan por la kurso en Torino. Sube estas traduko el la angla de la prezento por la studentoj. La detaloj de la kursa enhavo estas la temo de n-ro 25, aperonta en Maj 2014, post la fino de la lecionoj. Tamen estas grave diri jam nun, ke la socilingvistika fenomeno de Esperanto estas la plej grava interlingvistika temo pritraktota dum la kurso.

[4] Mi adoptas la nomenklaturon de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San-Marino por indiki la akademiajn titolojn en Esperanto. Detaloj ĉi-tie: http://www.ais-sanmarino.org/org/eo/mallong/index.html.

[5] Tion certigis al mi oficistino Sé Lenssen per retmesaĝo (8 Nov 2013).

[6] Kvankam ekzistas UdA-oficejo ĉi-cele, la efektiviĝo en la dua semestro malhelpis al la oficistoj trovi loĝsolvon ĝustatempe.

[7] Notu, ke momente de la finverkado de la bulteno (23 Jan 2014) mankas ankoraŭ kelkaj malgravaj detaletoj. Ekzemple, mia persona retpaĝo en la angla (http://uva.nl/profile/f.gobbo) erare egalas al la ĝemela en la nederlanda (http://uva.nl/profiel/f.gobbo).

[8] Retejo: http://albumacademicum.uva.nl/

[9] Laŭkontrakte, la Amsterdama Katedro antaŭvidas pagi la 20% de la labortempo; praktike tio signifas, ke la katedrulo estos libera akcepti alian kontrakto por plenigi la restantan 80% de la labortempo maksimume. Gravaj kondiĉoj estas: ke la mono ne venu rekte de la Fakultato pri Humanistiko ĉe UdA; ke la alia kontrakto ne donu konfliktojn kun la taskoj de la Amsterdama Katedro.

Alia didaktika engaĝo – kiu efektiviĝos post la monatoj de la interlingvistika kurso – estas la akcepto de la propono fare de Marc VAN OOSTENDORP (Meertens Instituut & Leiden)[10] iĝi *second promotor* ĉe Universitato de Leiden de doktora tezo pri esperantologiaj temoj verkota de Heidi GOES – esperantistino konata ĉefe pro la agado en Indonezio.

*Esplorade.* Parto de la tempo por la Amsterdama Katedro estu dediĉiita al esplorado. Jam dum 2013 mi laboris pri tio, kaj en Jan 2014 mi sendis tri manuskriptojn:

- ĉapitron pri la leksikografio de Esperanto, por manlibro pri leksikografio eldone de Springer (antaŭvidebla respondo: Apr 2014);
- proponon pri prelego por konferenco pri komputebleco pri la rilato inter universalaj lingvoj kaj komputilaj programaj lingvoj (respondo: Mar 2014);
- malneton de invitita prelego ĉe la sama konferenco kune kun la alia invitito, Marco Benini (Insubria).[11]

Ĉiuj proponoj estos juĝitaj laŭ la blinda samrangula metodo, kaj estis verkitaj en la angla. Se ili estos akceptitaj mi pridetalos en la posta numero de ĉi-tiu bulteno.

*Informade.* La lasta sed ne malgrava iniciato de la antaŭulo Wim JANSEN estas la organizo de ekzpozicio pri Esperanto-libroj ĉe la ĉefa sidejo de la Fakultato pri Humanistiko, historie valora konstruaĵo konata nome *Bungehuis*[12]. La ekzpozicio okazos dum la dua semestro sed estis preparita dum la unua, kune kun bibliotekistino Ewa ZAKRZEWSKA. Mi estis informita ĝustatempe kaj povis doni mian opinion kaj konsilon pri la ekzposicio; efektive, la plejmulto de la laboro estis jam lerte farita. La kriterioj malantaŭ la elekto de la 23 libroj estas la sekvaj:

- ĉiu libro priu lingvistikon aŭ literaturon, sed ne estu rekta literaturaĵo (kiel ekzemple romanoj aŭ poemkolektoj);
- la libroj estu en diversaj lingvoj: krom Esperanto, havu spacon la nederlanda unue, kaj poste la angla, la germana (estas ankaŭ interlingvistika libro en la itala, kiun mi publikigis en 2009, mia nura rekta kontribuo).

El la 23 libroj, estas interalie 2 bibliografioj, 5 vortaroj, 3 traktatoj pri esperantologio, kaj 5 pri interlingvistiko. La plejmulto de la libroj apartenas al la biblioteko de la Fakultato pri Humanistiko.[13] Krom la jam menciitaj profesoroj, mi havis la okazon konatiĝi persone kun kolegoj ĉe UdA.

Unue menciindas Laszlo MARÁCZ, kiu estas ADoc ĉe UdA pri Eŭropaj Studoj.[14] Danke al Wim JANSEN, mi kunlaboris kun li fojfoje de kelkaj jaroj pro recenzoverkado por *LPLP*[15] kaj mi konatiĝis kun li dum la Adiaŭa Parolado de la antaŭa katedrulo en Amsterdamo (27 Sep 2013). Ni planas kunlabori esplorcele per fondenda internacia esplorgrupo.

Due, por la esplor-interesoj kaj -rezultoj en historio kaj filozofio de informadiko[16], mi jam konas de jaroj Gerard ALBERTS[17], estas AProf ĉe UdA kiu interesiĝaas interalie pri historio de komputiko, kaj aparte pri la rilato inter universalaj lingvoj (aprioraj, ekzemple de John WILKINS aŭ de LEIBNIZ) kaj universala maŝino (de Alan TURING). Ni planis publiki ion pri tiu temo.

Laste, aliaj kontaktoj ene de UdA – jam ekzistantaj flanke al la kandidateco – estas kun la analizaj filozofoj Arianna BETTI[18] (logiko kaj filozofio de la lingvaĵo) kaj Francesco BERTO[19] (metafiziko kaj historio de filozofio) por personaj kontaktoj.

Estas alia valora iniciato kiun mi partoprenis kun la Universitato de Liverpolo sub la ĉapelo de la Universitato de Torino, tamen interesa ankaŭ por la katedro, ĉar estis la antaŭlo Wim JANSEN kiu ebligis la unuan internacian kunlaboron kun la angla universitato, nome de la Amsterdama Katedro. Temas pri intensa tritaga kursaro (26-28 Mar 2014) en la angla lingvo pri la lingvo Esperanto je diversaj niveloj, nomata *The John Buchanan Esperanto Masterclass*.[20] La ĉefaj motoroj de la iniciato estas konataj esperantistoj Paul GUBBINS kaj Angela TELLIER. Estas kelkaj

[10] Konata nederlanda fonetisto kaj esperantologo. Persona retejo: http://www.vanoostendorp.nl.

[11] Persona retejo: http://marcobenini.wordpress.com/.

[12] Retpaĝo: http://www.uva.nl/en/about-the-uva/the-uva-in-amsterdam/locations/content/binnenstad/bungehuis.html

[13] La katalogo de Humanistiko traserĉeblas ĉe: http://opc.hva.uva.nl/. Ekzemplaj serĉesprimoj: 'Interlinguïstiek' kaj 'esperanto'

[14] Oficiala retpaĝo: http://uva.nl/profile/l.maracz.

[15] *LPLP* (angle: *Language Problems, Language Planning*) estas la revuo pri lingvo-problemoj kaj -planado sponsore de la Centro pri Esploro kaj Dokumentado (CED) kadre de UEA. Mi estas teamano kiel recenzo-redaktoro ekde 2005.

[16] Por interesatoj: mi donis kurson en Esperanto pri tiuj temoj ĉe la Universitato de Esperanto en Hajnano, Ĉinio, en 2012. La kurso estas je libera dispono en la reto. Pli da informoj: http://www.universitato.info.

[17] Oficiala repaĝo: http://uva.nl/profile/g.alberts.

[18] Oficiala retpaĝo: http://uva.nl/profile/a.betti.

[19] Oficiala retpaĝo: http://uva.nl/profile/f.berto.

[20] Klarigan retpaĝon pretigis Angela TELLIER en sia retejo. Detalojn: http://www.esperantoresearch.org.uk/site/classes/john-buchanan-masterclass-three-day-series-workshops-and-seminars-university-liverpool.

stipendioj por studentoj el Amsterdamo kaj Torino kiuj kovras la vojaĝ- kaj loĝkostojn. Laŭ la sukceso de la iniciato ĉi-jare, oni povos esperebleorganizi ĝin denove la venontajn akademiajn jarojn.

Laste, unuela mia samrangula fakartikolo pri interlingvistiko temas pri plani lingvon por ludaj kaj didaktikaj celoj en Montessori-bazlernejo.[21] Efektive la Asocio Montessori Internacia (AMI) situas en Amsterdamo, kaj ekinteresiĝis pri eblaj larĝigoj de la eksperimento en Nederlando. Mia kontakto estas Carolina Montessori, kerna figuro de AMI nuntempe.

## Prezento de la kurso

de UvA Persvoorlichting

*Ĉi-tiu estas la traduko de la anglalingva priskribo de la kurso pri Enkonduko al Interlingvistiko okazonta en la dua semestro.*[22]

*Celoj*

1. Studentoj kapablos ne nur klasifiki planlingvojn oportune sed ankaŭ ili lernas la malfacilaĵojn dum ekplanado de lingvoj dum grupa tasko – surbaze de pecoj de lingvoj planitaj por fikcio (lernado-per-farado).

2. Post la kurso, situacioj de lingvopolitiko kaj -planado estos elanalizeblaj[23] per la socilingvistikaj instrumentoj prezentitaj enklase.

3. La fenomeno 'helplingvoj' estos enmetita korekte laŭ filozofia, historia kaj kultura perspektivoj. Aparte gravas la heredaĵo de la scienca revolucio en Eŭropo (unue Kartezio kaj Leibniz, poste Couturat kaj Peano, inter la aliaj) kaj de la unua tutmondiĝo de la 19-a jarcento. Tio povos doni novajn informojn utilajn al aliaj fakoj, kiel ekzemple Eŭropaj Studoj aŭ filozofio de la logiko kaj matematiko.

4. Studentoj devos plenumi taskon pri specialaj temoj laŭ siaj interesoj, akorde kun la instruisto.

*Enhavo*

La kurso profundiĝas en interlingvistiko kiel scienco de planlingvoj, speciale pri helplingvoj kiel Volapuko, Latino sen Fleksio kaj aparte pri Esperanto. Oni komparos ilin kun etnaj lingvoj unuflanke (ankaŭ minoritataj lingvoj) kaj kun lingvoj planitaj alicele (ekz. Tolkien-aj lingvoj, la Klingona aŭ la lastatempa *Dothraki* de la TV-serio Ludoj de Tronoj). Teoriaj kaj tipologiaj klasifikado, kune kun socilingvistikaj variabloj (*GIDS* de Fishman, *Ausbau vs Einbau*, ktp) estos klarigitaj. Apartan atenton oni donos al la strukturo de Esperanto (fonologio, morfologio, sintakso, leksiko) en ĝiaj socilingvistikaj konkretaĵoj (ankaŭ en la tekstaĵo, notinde la Esperanta Vikipedio) kaj al la lingvopolitikaj deziroj – aparta studkazo estu Eŭropo. Oni diskutos ĉion ĉi enklase.

## La kandidato Movade

de Federico Gobbo

En Aŭgusto mi feriis kun la familio en Nederlando kaj ekde tiam mi renkontiĝis kun lokaj esperantistoj kelkajn fojon.[24] Ĉefaj eventoj:

- Massimo Ripani elitaligis intervjuon al mi pri forgesita pioniro de komputika lingvistiko, nome Patro Busa.[25]
- Pietro Fiocchi intervjuis min por *El Popola Ĉinio*[26] (10 Okt 2013).
- Recenzoj de du interlingvistikaj verkoj pri Ludoviko kaj Lidia Zamenhof por Beletra Almanako baldaŭ estas aperontaj.
- Nederlanda esperantisto Hans Adriaanse propravole parolis pri la katedrulo al kolegino Madis Linnamagi, prezidanto de la interlingvistika rondo en Tartu, Estonio, kiu sendis lastan ekzempleron de *Interlinguistica Tartuensis*. Planatas vizito al Maastricht tiucele.

## La anonco nederlande

de UvA Persvoorlichting

*Titolo: Federico Gobbo, bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto Publikigita dato: 18 dec 2013. Notu, ke la angla versio* ***ne*** *estas rekta traduko, kaj ĵli estis publikigitaj en du diversaj datoj.*

Dhr. dr. F. Gobbo (1974) is benoemd tot bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto aan de Faculteit der Geesteswetenschappen van de Universiteit van Amsterdam (UvA). De leerstoel wordt ingesteld vanwege de stichting Universal Esperanto Association (UEA).

Federico Gobbo bestudeert de interactie tussen spontane en bewuste factoren in de taalontwikkeling. Hij is daarbij specifiek geïnteresseerd in empirisch onderzoek naar sociolinguïstische aspecten van Esperanto, zoals de opkomst van onderscheidende taalkenmerken bij de spraakgewoontes van jeugd uit

[21] Bibliografio: Gobbo, Federico (2013). Learning Linguistics by Doing: The Secret Virtues of a Language Constructed in the Classrooom. *Journal of Universal Language*. vol 14, No 2. 113–135. Alirebla libere ĉe http://www.unish.org/.

[22] La anglalingva originalo estas legebla ĉe: http://studiegids.uva.nl/web/uva/sgs/en/c/13223.html.

[23] Ĉi-tie estas erareto en la angla versio, probable farita de la homo kiu transprenis la malneton.

[24] Aparte menciindas, ke aŭtumne mi ĉeestis la Adiaŭan Paroladon de Wim Jansen kaj la Malferman Tagon de UEA kie mi prelegis dufoje. Mi preterlasas la engaĝon kadre de la itala movado, kie mi estas IEF-estrarano.

[25] Legebla ĉe: http://disvastigo.esperanto.it/index.php/eo-eo/pliprofundigoj/3397-p-busa-pioniro-de-komputa-lingvistiko.

[26] La intervjuo daŭre legeblas ĉe retpaĝo: http://www.espero.com.cn/2013-10/29/content_30434641.htm.

verschillende landen. Als een ontworpen taal die meer dan een eeuw gebruikt wordt, biedt Esperanto een unieke context voor onderzoek naar centripetale (gestandaardiseerde) en centrifugale (afwisselende) tendensen in het 'leven' van een taal.

Gobbo doet onderzoek op het snijvlak van informatica, met de nadruk op formele talen, en de geschiedenis en filosofie van taalontwerp en -planning. Technologie heeft een grote invloed gehad op het moderne denken over taal, en op het gebruik van talen bij internationale communicatie. Met zijn onderzoek probeert Gobbo licht te werpen op deze onderwerpen.

Gobbo doceert interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Turijn (Italië). Hij gaf colleges over de geschiedenis en filosofie van (het werken met) computers aan de Universiteit van Nanjing (China). Gobbo is book review editor van het vaktijdschrift Language Problems and Language Planning, deed bijdrages aan vele internationale conferenties over linguïstiek, filosofie en informatica, en publiceerde artikelen in bladen als *Journal of Universal Language*, *Philosophy & Technology* en *International Journal of Mind, Brain & Cognition*.

## La anonco angle

de UvA PERSVOORLICHTING

*Titolo: Frederico*[27] *Gobbo, professor by special appointment of Interlinguistics and Esperanto. Publikigita dato: 19 dec 2013.*

DR F. GOBBO (1974 has been appointed professor by special appointment[28] of Interlinguistics and Esperanto at the University of Amsterdam's (UvA) Faculty of Humanities. The chair was established on behalf of the Universala Esperanto-Asocio (UEA, Rotterdam).

Federico Gobbo's research explores the role of artificiality in languages intended in a broad sense, including not only international auxiliary languages like Esperanto and Volapük and constructed languages for fictional purposes like Star Trek's Klingon, but also lesser used and minority languages in the process of being revitalised and promoted (process of 'Ausbauization') like Frisian and Piedmontese. Moreover, he investigates the ontological and epistemological commitment of formal languages, in particular those designed for computer programming.

Gobbo was appointed teaching fellow in Language Planning and Planned Languages at the University of Turin (Italy) in 2011. Prior to that, he had been appointed teaching fellow in the History and Philosophy of Computing at the University of Insubria (Italy). During the 2012-2013 academic year, he worked as a postdoctoral fellow at the University of L'Aquila (Italy), with a research focus in the field of Community Informatics. In 2012, he was a visiting professor at the Nanjing University (China). Gobbo previously also held two grants in the fields of distance learning and new texts at the University of Insubria (Italy), where he defended his PhD in Computer Science (2009) with a dissertation delving into constructive mathematical linguistics. In addition, he has also been a teaching assistant in Linguistics at the University of Milano-Bicocca (Italy).

Gobbo has co-authored (with Marco Benini) a monograph in constructive adpositional grammars and has published several essays and papers on his research interests. He has been book review editor of the journal Language Problems and Language Planning (John Benjamins) since 2005. In 1999, the Ivo Lapenna Foundation (Copenhagen, Denmark) awarded Gobbo the Lapenna Prize for that year's best Master's thesis in Interlinguistics and Esperanto.

[27] Tiel! Erara literumado de mia nomo, sed nur en la angla!

[28] Tiel! Malbela stilo, pro la dufoja 'appointment', kiel prave atentigis Nikola RAŠIĆ kaj Mark FETTES. Mi klopodis ilin konvinki pri la oportuneco de la korekto, sed. . .

UNIVERSITEIT VAN AMSTERDAM

Studenten | Medewerkers | Zoek...

Extranet Alumni Bibliotheek Contact English home

Onderwijs Onderzoek Nieuws & Agenda Over de UvA Disciplines

Home / Nieuws & Agenda / Nieuws / UvA Nieuws

## Nieuws

UvA Nieuws Hoogleraarsbenoemingen In gesprek met ... Folia Kijk de UvA Amsterdamlezingen

< Lijst



# Federico Gobbo, bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto

18 december 2013

Dhr. dr. F. Gobbo (1974) is benoemd tot bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto aan de Faculteit der Geesteswetenschappen van de Universiteit van Amsterdam (UvA). De leerstoel wordt ingesteld vanwege de stichting Universal Esperanto Association (UEA).

Federico Gobbo bestudeert de interactie tussen spontane en bewuste factoren in de taalontwikkeling. Hij is daarbij specifiek geïnteresseerd in empirisch onderzoek naar sociolinguïstische aspecten van Esperanto, zoals de opkomst van onderscheidende taalkenmerken bij de spraakgewoontes van jeugd uit verschillende landen. Als een ontworpen taal die meer dan een eeuw gebruikt wordt, biedt Esperanto een unieke context voor onderzoek naar centripetale (gestandaardiseerde) en centrifugale (afwisselende) tendensen in het 'leven' van een taal.

UNIVERSITY OF AMSTERDAM

Students | Employees | Search...

Extranet Alumni Library Contact Nederlandse homepage

Education Research News & Events About the UvA Disciplines

Home / News & Events / News / UvA News

## News

UvA News Professorial appointments UvA in the spotlight

< List



# Frederico Gobbo, professor by special appointment of Interlinguistics and Esperanto

19 December 2013

Dr F. Gobbo (1974) has been appointed professor by special appointment of Interlinguistics and Esperanto at the University of Amsterdam's (UvA) Faculty of Humanities. The chair was established on behalf of the Universala Esperanto-Asocio (UEA, Rotterdam).

Federico Gobbo's research explores the role of artificiality in languages intended in a broad sense, including not only international auxiliary languages like Esperanto and Volapük and constructed languages for fictional purposes like Star Trek's Klingon, but also lesser used and minority languages in the process of being revitalised and promoted (process of 'Ausbauization') like Frisian and Piedmontese. Moreover, he investigates the ontological and epistemological commitment of formal languages, in particular those designed for computer programming.

**SepDemandoj** | Federico Gobbo


**Federico Gobbo** (1974) estas laŭkontrakta profesoro ĉe Universitato de Torino (Italio) per kurso pri Planlingvistiko.

# "Esperanto sin difinas maletne, per etiko"

Federerico Gobbo baldaŭ transprenos la katedron de Interlingvistiko en la Universitato de Amsterdamo. Por li la kadro de la fako estas sufiĉe komplika.

**Ivan Colling kaj Maria Laroca**

1

*ER: Kio estas interlingvistiko?*
**FG**: En la tradicio kie fontas Esperanto, interlingvistiko estas subfako de lingvistiko dediĉita al la esplorado kaj pristudado de internaciaj helplingvoj. Kutime oni komencas ekde Volapuko, pristudas Esperanton, ofte kompare kun aliaj postaj konkurantoj, kiel ekzemple Ido aŭ Latino sine Flexione. Efektive nun la termino estas ambigua, ĉar aliaj fakaj rondoj ĝin uzas alisignife. La kadro do estas sufiĉe komplika. Kaj lastatempe la klasika interlingvistiko, t.e. pristudado de internaciaj helplingvoj, estas pli kaj pli integrata en la subfako lingvopolitiko kaj -planado (LPP), sekvante sugeston, kiu fontas de Valter Tauli, grava estona lingvisto tre aktiva en la 60-aj jaroj.

2

*ER: Kial interlingvistiko ankoraŭ ne ricevis la statuson de universitata studobjekto, kio faciligus ĝian enlistigon en la kadrojn de Magistrigaj kaj Doktorigaj kursoj en multaj universitatoj? En Brazilo, ekzemple, tio ankoraŭ ne okazis.?*
**FG**: Ne komplete veras, ke interlingvistiko (mi celas klasikan interlingvistikon) nenie ricevas statuson de universitata studobjekto; en Amsterdamo, ekzemple, ĝi estas instruata al bakalaŭraj studentoj, dum en Torino estas la magistriĝaj studentoj en Lingvosciencoj kiuj rajtas ekzameniĝi. Laŭ listo kompilita de Germain Pirlot, Esperanto estas instruata nuntempe en 69 universitatoj en 24 landoj.

3

*ER: Kiuj estas la ĉefaj nuntempaj esploristoj pri interlingvistiko kaj kiel statas ilia laboro?*
**FG**: Grava esploristino en Eŭropo estas Sabine Fiedler (Leipzig, Germanio), kiu esploris aparte la frazeologion de Esperanto. Goro Christoph Kimura (Sofia Universitato, Tokio, Japanio) laste esploris socilingvistike la Esperanto-komunumon kompare kun minoritataj lingvoj. Alia interesa esploristo estas Tsvi Sadan (israeleano japandevena, nome Tsuguya Sasaki, nun laboranta ĉe Bar-Ilan Universitato, Israelo); li estas lingvisto, kies ĉefaj esploroj estas la novhebrea kaj la jida lingvoj: ekde tiuj perspektivoj li skribis multe pri la Esperanta kulturo – kaj nuntempa, kaj pionirepoka. Estas grave noti, ke ĉiuj universitatanoj devas havi alian fakon, flanke de interlingvistiko, por pluvivteni la karieron. Interlingvistiko sola ne sufiĉas. Mi volas min limigi nur al la universitatanoj, ne la sendependaj esploristoj, eĉ se de ili foje venas tre bonaj ideoj.

4

*ER: Kian rolon ludas la kurso de Poznań? Ĉu temas pri ekvivalentaĵo al via katedro en la ĝenerala kadro de la fako?*
**FG**: Mi opinias, ke la interlingvistikaj studoj en Pollando estas unikaĵo. Unue, ili postulas de la partoprenontoj bonan scion de nia lingvo, ĉar la lecionoj okazas en Esperanto. Due, temas pri kursaro, ne ununura kurso, kaj fakte ili daŭras tri jarojn. La kurso en Amsterdamo estas pli ordinara, kaj ĝi okazas ĉiun akademian jaron denove, alivorte ne ekzistas unua, dua, tria kursoj de interlingvistiko samkiel en Poznań. Oni instruas la fakon ne rekte en Esperanto, sed en alia lingvo – mia antaŭulo, Wim Jansen, uzis la nederlandan; mi uzas la anglan. Tamen Esperanton mi instruos almenaŭ parte rektemetode, tio signifas, ke mi parolos en Esperanto en la klaso. Notu, ke nenia antaŭkono de Esperanto estas postulata al la kursanoj en Amsterdamo.

5

*ER: En ĉiuj lingvokomunumoj estas io komuna, kiu kunligas la parolantojn. Kiel laŭ vi en la nuna, post-moderna epoko esperantistoj sentas tiun "internan ideon"? Ĉu ĝi multe ŝanĝiĝis kun la paso de la tempo? Kiel ĝi diferencas (se ĝi diferencas) disde lingvosentoj de komunumanoj de aliaj minoritataj lingvo?*
**FG**: Ĝis nun mi ne faris enketon inter la esperantistoj pri tiu temo, do mi ne scias kion esperantistoj ĝenerale sentas. Mi volas substreki, ke Esperanto, kvankam uzata de malmajoritata grupo dise tra la mondo, ne estas minoritata lingvo, en la normala senco de tiu esprimo uzata inter lingvistoj kaj institucioj, kiel ekzemple EU. Minoritataj lingvoj sin difinas per etno, dum Esperanto sin difinas maletne, per etiko. Kaj la fundo de tiu ĉi etiko estas paroli inter diversaj nacianoj per "lingvo neŭtrale-homa", por uzi la ankoraŭ aktualan esprimon de Zamenhof.

6

*ER: En la fenomeno de lingvoj uzataj/uzitaj por internacia komunikado – kiu estas la celobjekto de interlingvistiko – grava demando estas variado de tiuj lingvoj kaj dialektiĝo. Kiu estas via opinio pri dialektiĝo de Esperanto?*
**FG**: Kiel mi klarigis jam antaŭe, internacia komunikado estas ĉefa temo de interlingvistiko, sed ne la nura. Ne ekzistas dialektoj de Esperanto, ĉar la varia uzo de la lingvo ne estas tro influata de la deveno de la parolanto, se la lingvonivelo estas sufiĉe bona. Ĉu Esperanto povas disfali samkiel Latino? Ne! Bonŝance la Romia Imperio estis unikaĵo en la homa historio.

7

*ER: Kiel vi reagas al la Chomsky-a aserto, ke "Esperanto ne estas lingvo?*
**FG**: Ho ve! Mi jam reagis freŝdate al tiu stultaĵo en 2008 anglalingve en mia tiama blogo. Anedokte, li asertis tion dum intervjuo fare de Mark Aronoff, kiu cetere enkondukis la temon ne malbone. Estas ĉiam danĝere paroli pri temo, kiun oni ne konas, kaj eĉ pli danĝere kiam lingvisto parolas pri lingvo, kiun li nek regas nek priesploras... Esperanto ne estas escepto tiurilate. Aliflanke, eĉ la plej influa vivanta lingvisto povas erari fojfoje – kaj Chomsky sendube estas, eĉ neŝatantoj koncedas! Mi pensas, ke post la apero en 2010 de la volumo Lingvo kaj menso eldone de UEA, kiu enhavas gravajn kontribuojn de Chomsky en nia lingvo, li ŝanĝis sian opinion pri Esperanto.